


IV Jaro - XXXVI Num.

★ Januaro.—1920 ★

★ ★ MADRIDO ★ ★

ILUSTRITA REVUO MONATA

Oficiala Organo :-: :-: :-

:-: :-: :-: de "Zamenhofa

kaj Andaluzia Federacioj„



AUGUSTO JIMENEZ LOIRA

† 6 Decembro 1919

NEKROLOGIO

# Augusto Jiménez Loira

(70-jara)

La 6.an de Decembro mortis en Valencio, kie de longa tempo loĝadis, la senlaca, sindonema kaj konata S-ro. Augusto Jiménez Loira, eks-ŝipestro de la hispana mararmeo, unu el la plej gravaj (eble la plej grava) pioniroj de la esperanta movado en Hispanujo.

De post la jaro 1902, kiam li eksciiĝis pri l' afero de internacia lingvo, li senĉese kaj sindoneme laboradis por la disvastigo de nia kunfratiga idealo; ĉu klarigante kursojn, ĉu aperigante gazeton, LA SUNO HISPANA, kiu travivis brilantan kaj neforgeseblan epokon, kaj estis organo de Hispana Societo Esperantista; ĉu publikigante verkojn, kiel «Provo de Esperanta Nomigado», «Cent dek tri Humoraĵoj», «La Perfekta Edzino» (traduko de la famkonata verko de *Fray Luis de León)*, «Esperante Alfabete Gramatiko» kaj aliajn broŝurojn propagandajn kaj gramatikajn. Nuntempe kaj de antaŭ kelkaj jaroj, spite la nefavoraj kaj senesperigaj cirkonstancoj alportitaj de la terura milito, la maljunulo ĉiam juna kaj diligenta, la nelacigebla *kavaliro de l' Verda Stelo*, kvankam vundita ĉe la koro de tiom da teruraĵoj, pretigadis gravegan Vortaron, nomata PLENA ESPERANTA RADIKARO (Esperanto-hispana, Hispano-esperanta kun 10.000 vortoj), pri kiu ni jam parolis en ĉi tiu revuo (N. XXI).

Se kiel Esperantisto li ĉiam montris sian entuziasmon kaj bonhumoron, kiel amiko, konstantecon kaj lojalecon; ĉiuj, kiuj lin konis konservos eternan memoron pri la viro, kiu ĉiam staros antaŭ ni kiel imitinda sanktulo de Esperantujo. Ni imitu lin!

*Nov'. kaj Vent'.*

Ricevu lia vidvino la sinceran kaj profundan doloresprimon de la tuta hispana Esperantistaro.

# ĈU REFORMO AŬ NORMALIGO?

La Gazeto «La Holanda Pioniro», n.º 11-12, enhavas resumon el diversaj kritikoj kaj proponoj de nia samideano «de Sentis», por ke oni kviete povu mediti pri ilia jes aŭ ne ĝusteco.

*Sentis* diras: «La litero ĥ estas malfacile prononcebla» «por angloj, francoj kaj italoj, kaj li volas anstataŭi ĝin per la k.» Tiu litero, kuraĝe defendata de la rusoj, ne estas malfacila por la angloj. Ĝi eble estas nur malfacila por la francoj kaj tio ne sufiĉas por forĵeti ĝin. La hispano devas lerni, inter aliaj, kiel novajn sonojn, tiujn de la ĝ, ĵ, ŝ, z, por ni iom similtonaj, kaj ni povus peti simple forĵeti ilin. Per tia metodo, la tuta lingvo devus malaperi. Mi volas ne silenti, ke la r en la fino de vorto estas por la francoj kaj angloj tiel malfacila kiel la ĥ en Esperanto kaj malgraŭ tio Ido uzas ĝin en tia kondiĉo por la infinitivo.

*Sentis* proponas anstataŭigi la prepozicion «de» po tri aliaj, ĉar, laŭ li, la nuna prepozicio «de» havas tri signifojn.

La hispana prepozicio «de» havas ĉirkaŭ dudek signifojn. Ni havas en Esperanto por traduki ĝin la prepoziciojn «de», «da», «el», «pri» kaj «je»; ju pli nuancoj oni alprenas da, des pli malfaciligas al ni kaj eble al kelkaj aliaj la uzadon de tiaj novaj prepozicioj. Tia estis la opinio de Ĉefeĉ esprimita en «Oficiala Gazeto» n.º 29. Jen kelkaj el liaj paragrafoj: «La prepozicio «de» posedas kvaroblan» signifon, kaj esperantistoj kiuj en siaj naciaj lingvoj posedas specialajn prepoziciojn por parto de ĝiaj signifoj, kiel ekzemple la francoj (des, depuis, par) kaj la angloj (since, from, by), kredas ke estus utile enkonduki novan prepozicion por kelkaj el la roloj ludataj de tiu ĉi prepozicio.

Ili tamen ne rigardas, ke per tia novaĵo Esperanto estus tre malfaciligita al la anoj de lingvoj en kiuj «from» kaj «of», «de» kaj «par» estas tradukataj per unu sama prepozicio.

Saman opinion oni trovas en la «Historio kaj Teorio de Ido», de B. Kotzin, ĉe kiu oni pruvas ke Ido tre malfaciligis la uzadon de similaj prepozicioj.

*Sentis* opinias ke la radikoj «falĉi, raboti, razi» kaj similaj devus esti anstataŭataj per falĉo, raboto kaj razo kun la signifo de iloj, same kiel oni faris rilate kroni kaj ŝproni. Li diras ke per tia metodo oni ŝparos la uzon de il. Mi diras ke se oni ŝparus «il» oni malŝparus «ad» falĉado, rabotado, kronado k. t; p., perdante ankaŭ la nunan signifon de tiaj vortoj, necesa en multaj okazoj. Mi aldiras ke estas multaj falĉiloj kaj rabotiloj k. t. p., kiuj el ili devus ricevi la signifon de la radiko en la okazo dezirata de *Sentis*? Fine, se oni volus sekvi la reformeman opinion de *Sentis* oni bezonus ankaŭ elekti aliajn radikojn por kelkaj el tiaj vortoj. ĉar ne ĉiam la ilo havas similan nomon kiel la ago.

*Sentis* diras aukaŭ: «En Esperanto ni havas *antaŭ* kaj *post* por tempo kaj loko.» Li bezonas aliajn du: *avan* kaj *dop* por dediĉi du al loko. Multajn librojn mi legis kaj ankoraŭ mi ne trovis malfacilaĵojn rilate tian dusenceecon. Mi aldiras aukaŭ ke mi ofte trovis «malantaŭ» lasante al post la solan tempan signifon.

*Sentis* volas diri «anke» kaj similaj anstataŭ «ankaŭ» kaj similaj, inter aliaj kaŭzoj: ĉar tiaj «aŭ» sonoj, tre plaĉaj al germanoj, sonas malbele kiam ili estas elparolataj de francoj; memkompreneble, ĉar ili malbone, lernis ilin. Similopinie la angloj povas pretendi ke «a» estus prononcata «ae», «e», «ei», k. c., kaj ke oni elparolu «paltroŭ» anstataŭ «patro». Li aldiras ke farante tian ŝanĝon tiaj vortoj havos la adverban finiĝon. Samopinie oni devas diri «tajloristo», «konduktoristo», «revizoristo», malgraŭ ke tiaj vortoj estas memstaraj kaj ne devenantaj.

*Sentis* volas enkonduki la korelativajn vortojn «aliam», «alies», aliom» kaj aliajn devenantaj de «ali». Mi, sen klarigo, ne scias la signifon de la cititaj vortoj. Eble «aliam» celas signifi en ia alia tempo; sed la vera vorto estas aliiam» kaj mi malakceptas la kontraŭregulan «aliam». Por uzi «aliiam», k. t. p. *Sentis* bezonas, laŭ mi, permeson de neniu. La frazoj «alivesti sin» «aliloke» kaj similaj estas tre uzitaj, kaj se oni akceptus la opinion de *Sentis* ili perdus sian veran signifon. En resumo, ĉi tiu propono de *Sentis* estas akceptinda, sed kun la supredirita ŝanĝo.

*Sentis* rekomendas, ke oni uzu malofte la finaĵon «ec» aliajn. Li preferas la vorton «bono» al «boneco», «bonulo» al «bonemulo». Pri la uzo de «ec» mi devas diri ke en la hispana lingvo ekzistas ofte la formo korelativa de «ec» kaj tre malofte tiu de la alia. Por tio mi preskaŭ senvole uzos «ec» eĉ sen neceso.

Pri «bonemulo» kaj «bonulo», mi diras, ke «bonemulo» senkaraktera estas bonulo aŭ malbonulo, laŭ la kunuloj; do bonemulo kaj bonulo ne estas samsignifaj.

*Sentis* kritikas la Akademion ĉar ĝi senmetode laboras. Mi ne partoprenas tian opinion kal aplaŭdas la Akademion kaj deziras ke kiel eble plej rapide ĝi restariĝu. *Sentis* diras ankaŭ. «Ĉiuj radikoj devenantaj el sama familio, nepre havu la saman grafismon.» Mi demandas, kial? Ĉu ni devas forjeti trinki aŭ drinki? konduki au konduti, ĉar la grafismo permesas unu solan el tiaj vortoj. Kun tia opinio li malakceptas: premi aŭ esprimi kaj malatentas ke en latino oni diras premere kaj eksprimere; proponi aŭ ripozi, supozante ilin samdevenaj kaj malatentas ke en latino oni diras «proponere» kaj ripaussare; konkludi aŭ inkluzive, kaj malatentas ke inkluzive estas internacia kaj rajta esti uzata sen ŝango.

Fine mi diras, ke iuj teoriaj proponoj kaj rekomendoj de *Sentis* estas plejparte *laŭfundamentaj* Aliaj estas bagatelaj reformoj, kiuj ankaŭ estas malutilaj (di, de, da) aŭ neutilaj (avan, dop, anke, apene).

Oni devas forjeti inter la proponoj de *Sentis*, ĉiujn reformojn kiel la forigo de ĥ, la ŝanĝoj de la signifo de «da», «alie»; la anstataŭo de *aŭ* per *e*, k. t. p. lasante ilin por Ido, havanta tian rolon kiu tiel malfac-

ila faras al si la vivon. Aliaj proponoj de *Sentis* ne estas kontraŭ la Fundamento kaj ĉiu estas rajta uzi ilin.

Mi laste diras ke neniu volos lerni ŝanĝantan lingvon; kaj kė mi bezonas diri en la propagando de Esperanto «Esperanto kiel la naciaj lingvoj, evolucias sed ne revolucias».

*Victor O. de Allende*
Vojinĝeniero

Bilbao, Decembro 1919.

# KANTAĴO

Ĉu eble jam ŝi konas mian amon,
kiun gardas interne mia koro?
Mia grandega ploro
ne atingos estingi mian flamon!
Kaŝita devas resti la sufero,
kaŝita la doloro,
kaŝita la pasio sen espero.

Do, mia koro devas resti muta
kaj suferi doloron ĝis la morto;
tion volis la Sorto,
ĉar inter ambaŭ staras baro kruta.
Se ŝi scius ke trudas la silenton
nesuperebla forto,
ke mi ne dėvas diri mian senton...

Ha! se venkita de la plor' la baro
falus kaj rulus en alian lokon
same kiel la rokon
faligas la gutetoj de la maro!
Sed mi revas; ne estas eble tio;
la Sort', mian alvokon
trudos ke ne aŭskultu l' Amodio.

Kiam mi ŝin ekvidas en la strato
kaj la briladon de l' okuloj belaj,
kiel la steloj helaj,
la koron rapidigas dolĉa bato.
Moment' feliĉa! Poste ŝi forestas,
ha! momentoj kruelaj!
kaj malgajec', dolor' en mi nur restas.

Kontraŭ la leĝoj de la Societo
en mi stariĝas ia fort' natura
kaj potence terura
al ŝi min puŝas: (feron al magneto!)
Tia kaŝitą fort' estas ribelo
ĉar mia koro pura
ne meritas la punon de l' ĉielo.

Kuru la belulino tra la vivo!
estu ŝia vojaĝ' feliĉo plena
kun ĉielo serena,
ŝi supren, mi malsupren tra deklivo.
En alia vivad' sur vojo flora,
sur vojo pli ebena
eble kunigos nin Sorto favora.

Kantaĵ'; flugu rapide tra l' aero
kaj diru tuj al l' anĝeleto mia
«ĉio kion li kantis estas vero».
Malgraŭ ke mi ne povas esti ŝia
raportu vi pri mia kor' pasia.

*Rafael de San Millán*

# LA INFANO

*(Ideo de Rabindranath Tagore)*

—Patrin'! Kiu estas mia deven'?
Diru min: El kie mi al vi venis?
—Ci estas veninta el mia rev',
El ĉio, kion mi amis kaj sentis.
Same, kiel la birdo timema,
Kiu atendas la novan tagiĝon
Ci, ĉe mia koro amantega,
Cia rifuĝej', atendis eliron.
Ci estadis en miaj distraĵoj
Dum la mia infaneco feliĉa;
Ci staradis ĉiam sur altaroj
Kvazaŭ diaĵo ĉiam adorita.
Ho la ravaj ĉarmoj tre misteraj!
De l' amo, faro la plej mirigantą!
Cin teni miaj brakoj amemaj!...
Neniu trezoro estas plej granda!!!

Esperantigis verse *Simplulo*.



GRANDA ALTARO DE LA KATEDRALO
(SEVILLA)

Dezirinde estas, ke tiuj, kiuj sendos maŝinskribitan originalon, bone atentu ke ĝi estu ne pli longa je du folioj (unuflanke skribita) kaj ke estu sufiĉa spaco inter la linioj.

## LA SEMANTO

*Soneto dediĉita al la Portugala Esp. Socialista Asocio.*

Dum longaj jaroj kampo neplugita,
sen arboj verdaj, seka kaj dezerta,
ekzistis sola, nuda kaj inerta,
de l' homa zorgo tute forlasita.

Sed jen al tiu kampo forgesita
semanto venis laborema, lerta,
kun antaŭvido pri rikolto certa,
kun la espero en la kor' metita

La kampo poste iĝis frukttrezoro;
la kampo poste iĝis lok' utila
de vivo, ĝojo, amo kaj laboro.

Ho, kiom bela l' ago de l' semanto!
la gesto lia, ritma kaj humila,
ŝanĝiĝis ja en faron de giganto!

*Luzo Bemaldo*

Oni petas por ĉi tiu revuo raportetom ĉiumonatan se eble, pri naciaj movadoj esperàntistaj kaj ke oni sendu ilin al S-ro *Julio Mangada Rosenörn*, Majoro de la Infanteria Regimento «Galicia» n.° 19. JACA (Huesca). Skribu klare sur unu sola flanko.

## Dek-dua Universala Kongreso de Esperanto

Al la tutmonda samideanaro!

Post interkorespondado kun la Konstanta Komitato de la Kongresoj, la Hagaj Esperantistaj Societoj decidis akcepti la inviton, okazigi la dek-duan Universalan Kongreson de Esperanto en nia registara urbo *'s Gravenhage* (Esperante: *Hago*), dum somero 1920.

Kompreneble, ni ĉiuj interkonsentas, ke la ĝenerala spirito de l'unua postmilita Esperanto-kongreso (preparata en nelonga tempo) ne estos simila al tiu de niaj antaŭaj grandiozaj kongresoj. Sed kiu venos Hagon por antaŭ ĉio viziti laborantan kongreson celantan la restarigon de niaj internaciaj interrilatoj kaj la reorganizon de nia movado, tiu certe ne bedaŭros sian vojaĝon.

Sabaton 15 novembro konstituiĝis nia loka kongreskomitato: ĉiuj kvar Hagaj societoj harmonie kunlaboros. Estas membroj de l' komitato la jenaj samideanoj: S-ro J. R. G. Isbrücker, prezidanto, Hoogeweg 68, Watergraafomeer, apud Amsterdam, kiu komence de 1920 kun sia edzino ekloĝos en Hago: S-ro J. L. Bruijn, sekretario-kacisto, Paul Krugerlaan 37, Hago (por rekomenditaĵoj aldonu ĉe la adreso: Poŝtkontoro de la Reykade); F-ino N. Boon; S-ino J. C. Isbrücker-Dirksen; S-roj W. G. A. Kaupe kaj H. C. Mees, ĉiuj membroj de «Fine ĝi Venkos» (sekcio de la Nederlanda Esperantista Societo «La Estonto estas nia»); S-roj H. Laarhoven kaj F. Marrevee, ambaŭ membroj de l' Roman-Katolika Esperantista Societo (sekcio de l' Ned. R. K. Esp. Ligo); S-roj F. J. Visser, J. H. Visser kaj M. P. de Wilde, ĉiuj membroj de l' tramista klubo «Ĉiam antaŭen» (sekcio de l' Ned. Esp. Soc.); S-roj H. Kratz kaj L. van Munster, ambaŭ membroj de l' Ĝenerala Haga Laborista Esperantista Klubo (sekcio de l' Ned. Federacio de Lab. Esp.).

La du unue nomitaj sinjoroj Isbrücker kaj Bruijn eksidos en la Konstanta Komitato de la Kongresoj.



GRANDA ALTARO DE LA KATEDRALO
(SEVILLA)

Diversaj subkomitatoj por enloĝigoj, ekskursoj, festvespero, diservoj, k. ç. estos formataj. Honorkomitato formata el eminentaj personoj en Nederlando (speciale en Hago) estos starigata. Pri la kongressalonego klopodoj en diversaj direktoj estas farataj.

Al la K. K. K. estas submetataj por aprobo la jenaj decidoj:

1e okazigi la kongreson en la unua semajno (1—7) de septembro 1920;

2e fiksi la kongreskotizaĵon je 10 Nederdaj guldenoj;

3e permesi, ke samideanoj el landoj kun malfavorega kurzo je Nederlando (ekzemple Germanujo, Aŭstrio, Belgujo, Francujo, ĉiuj novaj Eŭropaj ŝtatoj, k. c.) pagu siajn kotizaĵojn ekstreme en majo 1920, kiam supozeble la diversaj malaltaj kurzoj almenaŭ iom estos pliboniĝintaj;

4e formi garantian fundon per enskriboj de sumoj po 25 guldenoj.

Kara gesamideanoj,

Jen la unuaj komunikoj pri nia dek-dua. Depost kiam vi estos leginta ilin, eklaboru por nia kongreso, por ke ĝi fariĝu sukceso! Ni kalkulas je almenaŭ 400 kongresanoj diversnaciaj, kaj samideanoj el landoj kiel Grand-Britujo, Svisujo, Hispanujo, Skandinavio kaj Nord-Ameriko jam *nun* sendu siajn kotizaĵojn (mondonacojn krome ni ankaŭ nemalŝatos!) por faciligi al ni la preparadon kaj aranĝadon de l' kongreso. Monsendojno ni faru rekte al la *Residentiebank* en Hago (do ne al la kasisto), kiu malfermis kongreskonton.

Kun samideanaj salutoj,

*J. L. Bruijn*
Sekretario de l' Loka Kongreskomitato



*Dua Komuniko*

**Kongressemajno.**—La loka komitato, ricevinte multajn plendojn pri la maloportuneco de la unue elektita semajno (unua semajno de septembro), pro kio multaj samideanoj el la publika instrua mondo ne povus partopreni en la kongreso, decidis ŝanĝi la datojn en 9—15 aŭgusto. Ĝi ne decidis tion facilanime, ĉar la laboroj de la enloĝiga komisiono fariĝos multe pli pezaj, pro tio, ke en julio kaj aŭgusto, la vakanco-monatoj, Hago enloĝigas multajn gastojn.

**Kongresejo.**—Mi jus ricevis la ĝojigan komunikon de la koncernata ministro, ke li cedos al ni, por la grandaj kongreskunvenoj, laplej malnovan kaj historian salonegon el Hago, nome la «Ridderzaal» (Salonego de l' kavaliroj), sub kelkaj plenumotaj kondiĉoj. Precipe de niaj eksterlandaj amikoj venis la instigo klopodi akiri la Pacpalacon, se ne tiam la Salonegon de l' kavaliroj. Ĉar la estraro de la Carnegie-fondaĵo, kiu administras la Pacpalacon, ne cedas la palacon por aliaj celoj ol por la oficialaj packongresoj, tuta nia espero estis je la Salonego de l' kavaliroj.

**Honora Komitato.**—Ĝis nun ni sukcesis varbi por nia honora komitato la jenajn konataj personojn:

S-ino S. van Rees-Broese van Groenou.

S-ino E. J. Wijnaendts Francken-Dijserinck.

S-ro Mr. J. Patijn, urbestro, kiu fariĝos honora prezidanto.

S-ro Mr. Mr. J. B. Bomans, Roman-Katolika parlamentano, skabeno en Haarlem.

S-ro W. K Brevet. Direktoro de la Residentiebank.

S-ro Prof. D-ro D. van Embden, liberaldemokrata senatano, prof. de sociologio kaj statistiko ĉe la Amsterdama Universitato.

S-ro D-ro H. E. van Gelder, Urba arkivestro.

S-ro Prof. D-ro A. F. Holleman, profesoro de kemio ĉe la Universitato de Amsterdam.

S-ro H. van Kol, Socialdemokrata senatano.

S-ro H. Koppel Jr., Eks-prezidanto de la Haga Komerca Ĉambro.

S-ro H. Ch. G. J. van der Mandere, pacifista jurnalisto kaj literaturisto.



PREĜEJO SAN LUIS (SEVILLA)

S-ro F. J. van Paasschen, Direktoro-Ĉefredaktoro de la ĉiutagra ĝazeto «De Avondpost».

S-ro D-ro F. E. Posthuma, Eks-Ministro de Agrikulturo, Industrio kaj Komerco, Direktoro de la mutuala koopera labordonantosocieto «Central Beheer».

S-ro Mr. D-ro H. J. Romeijn, Eks-skabeno.

S-ro D-ro J. Schoemaker, Kirurgo ĉe la Urba Malsanulejo.

S-ro Mr. J. M. van Stipriaan Luiscius, advokato kaj prokuroro, aŭtoro de «Karaktero».

S-ro Nico van Suchtelen, verkisto.

S-ro Justus Tal Superrabeno en Utrecht.

**Financoj.** – Kompreneble la tempo inter la apero de la unua kongreskomuniko kaj la forsendo de la dua estis tro mallonga por povi esperi gravajn rezultojn. Kelkaj Nederlandaj samideanoj jam sendis siajn kotizojn, faris mondonacojn aŭ enskribis por la garantia fundo (enskriboj akceptataj po 25 guldenoj).

Mi esperas, ke la eksterlandaj samideanoj komencos de nun sendi siajn kotizojn, eveut. mondonacojn, kun klarigoj al la Residentiebank. Enskriboj por la garantia fundo adresotaj nur al la sekretario-kasisto.



Laŭ poŝtkarto de S-ro Bruijn estas neeble al la komitato por la XII.ª respondi tiom da leteroj kaj poŝtkartoj de ĝi ricivitaj, ricevataj kaj certe ricevotaj; li diras ke je marto aŭ aprilo aperos Bulteno pri la Kongreso sur kiu oni legos ĉiaj novaĵojn; li mem taksas leĝejojn kaj restoriaciojn kaj diras, kvankam ne definitive, ke loĝejo kun matenmanĝo kostos de 3 al 4 guldenoj, kaj tagmanĝo kaj vespermanĝo en komumtablo de 4 al 6 guldenoj. Certe la XII.ª tre bonege sukcesos. (La guldeno valoras nun *du pesetojn* proksimume, tial sendu *20 pesetojn* por la kongreskotizaĵo).



Bone atentu pri kiel eble plej baldaŭa sendo de kotizaĵoj al S-ro ***Julio Mangada Rosenörn*** JACA (Huesca) *Hispanujo. Oni akceptas responkuponojn. Enlandanoj sendu la kotizaĵojn poŝtgire.* VARBU SUBTENANTOJN.

---

# Esperantista Konferenco

**Paris, 21 - 25 Septembro 1919**

Kelkaj Esperantistoj interkonsentis kunvoki *Esperantistan Konferencon*, al kiu partoprenus ĉiuj samideanoj havantaj iun direktantan rolon en la Esp. movado, kaj kies opinio ŝajnus speciale valora, kaj kun kiuj estis eblaj rilatoj poŝtaj. Generalo Sebert, prezidanto de la Esp. Centra Oficejo kaj de la Konstanta Komitato de la Kongresoj; Gabriel Chavet, sekretario de la Esp. Centra Oficejo kaj ĝenerala Sekretario de la Konstanta Komitato de la Kongresoj kaj S-ino E. F. Cense, sekretarino de la Esp. Centra Oficejo, subskribis la kunvokilojn.

La partoprenintoj estis:

«Esperantista Lingva Komitato»: Generalo Bastien, R. Bricard, M-C. Butler, G. Chavet, R. Ferte, Grosjean-Mompin, M. Rollet do L' Isle, Generalo Sebert, J.-M. Warden.

«Konstanta Komitato de la Kongresoj»: R. Bricard, G. Chavet, M. Rollet de L' Isle, Generalo Sebert, Ralliman (por la Loka Komitato de la Deka).

«Esperantista Centra Oficejo»: G. Chavet, S-ino Cense, Generalo Sebert.

«Administra Komitato»: G. Chavet, M. Rollet de L' Isle, Generalo Sebert, J.-M. Warden.

«Internacia Unuiĝo de Esperantistaj Societoj»: M. Rollet de L' Isle.

«Naciaj Societoj de propagando»: M. C. Butler kaj J. M. Warden (por la Brita),

M. Bollet de L' Isle kaj C. Rousseau (por la Franca).

«Universala Esperanto Asocio»: J. Camescasse, pariza ĉefdelegito, F-inoj Gérard kaj Royer, S-roj Herlemont kaj Lemoine (gedelegitoj).

«Societo de Amikoj de Esperanto»: Ges-roj Tiard, S-ino Soudeillet, Kolonelo Bresson, S-ino M. Tiard, S-roj Doué, Durand, Hachenburger, de Lajarte, C. Rousseau.

La kunvokitoj sendintaj senkulpigpjn leterojn estis:

«Esperantista Lingva Komitato»: C. Aymonier, J. Borel, D-ro Bremon-Masgrau, Th. Cart, L. Delvaux, A. Grabowski, F. de Ménil, P. Nylen, Perogordo, F. Pujula, G. kaj H. Stroole, Tellini, J. Wenger.

«Administra Komitato»: Pastro Beveridge, L. Delvaux, P. Nyleu, E. Schibbye, E. Stettler, A. Stromboli.

«Iniernacia Unuiĝo de Esperantistaj Societoj»: A. Grabowske, H. Rollet de L' Isle, S-ro Trinidad Soriano.

«Naciaj Societoj de Propagando»: Bernard Long kaj Harrison Hill (Brita, Rybe (Dana), Karl Jost (Sviza), Mangada-Rosenörn, A. Pino, V. O. de Allende (Hispanaj), J. V. V. Velde (Nederlanda), H. Bonnevie (Norvega).

«Universala Esperanto Asocio»: E. Stettler

«Societo de Amikoj de Esperanto»: S-ino Magnus Focké, Henriet-Nollott, S roj Deligny, Daniel Eyquem, Muffaug kaj Vanverts.

Dum ok kunsidoj laboradis la partoprenintoj, kaj tre utilaj estis al la Konferenco leteroj ricevitaj enhavantaj sugestioj kaj opinioj. En la fina kunsido unuanime voĉdonis rezoluciojn de la Konferenco.

## TEKSTOJ VOĈDONITAJ

### *Memoro al D-ro Zamenhof kaj al la Mortintaj Esperantistoj*

La Konferenco, antaŭ ĉiu laboro, salutas kun emocio la karan memoron pri la neforgesebla aŭtoro de Esperanto, D-ro Zamenhof, kaj la memoron pri ĉiuj Esperantistoj, kiuj mortis dum la militperiodo.

La Konferenco petas S-inon Zamenhof kaj la familion de nia Majstro akcepti la esprimon de sia respekta kaj profunda simpatio.

La Konferenco aŭdis kun kontentiĝo:

1. Ke la nova fondita Esper. Centra Librejo intencas ĉefe labori pri la ĉiulanda disvendado de la verkoj de D-ro Zamenhof, interkonsente kun la antaŭa eldonisto de tiuj verkoj.

2. Ke la Biblia Esperantista Komitato ageme laboras por disvendi la esperantan tradukon de la Biblio, verkitan de Zamenhof.

La Konferenco esperas, ke ĉiuj Esperantistoj volos posedi la verkaron de nia Majstro.

### *Reorganizo de nia movado*

La Konferenco:

Konsiderante, ke la nuna stato de la mondo postulas pli ol iam la uzon de internacia lingvo,

konsiderante, ke Esperanto jam pruvis sian plenan utiligeblecon en ĉiuj fakoj,

dezirante, ke la ĝenerala movado por la divastigo de Esperanto revigliĝu rapide,

petas la Centran Oficejon ke prezentu alla koncernantaj organizajoj la sekvantajn deziresprimojn kaj rekomendojn, kaj kolektu la deziratajn respendojn antaŭ la fino de la jaro.

### *Esperantista Lingvo Komitato*

La Konferenco esprimas la deziron:

1. Ke la Lingva komitato reprenu sian agadon laŭ la metodo jan proponita de la sekretario kaj ke ĝi, kiel eble plej baldaŭ, elektu novan prezidanton por anstataŭi S-ron Boirac;

2. ke la sekretario sendu al ĉiuj Akademianoj, kiuj ĝis men ne respondis al liaj leteroj' rekomenditan leteron, kaj ke post sufiĉa templimo, se neniu respondo alvenis, la laboro estu daŭrigota, kun la partopreno de la solaj respondintoj;

3. ke la sekretario sendu leteron al ĉiuj

Lingvokomitatanoj, por demandi ilin ĉu ili estas ĉiam pretaj labori por la Komitato.

La Konferenco esprimas la opinion:

1. Ke ĉiu persono kiu deziras ŝanĝon en la lingvo Esperanto devas sin turni al la Lingva komitato, laŭ la regula formo, ĉar tiu institucio estas la sola, kiu rajtas solvi ĉiujn lingvajn demandojn;

2. ke la metodo kiu konsistas apliki tiujn proponojn pri ŝanĝoj per starigo de nova formo de lingvo, kun instruaj libroj, gazetoj, grupoj kaj oficialaj institucioj estas tute neregula kaj anarkia, kaj kredigante al la publiko, ke Esperanto havas konkurantoj multe malhelpis la propagandon kaj sukceson de Esperanto kaj de la ĝenerala ideo pri lingvo internacia;

3. ke speciale la eco de ano de Akademio, Lingva komitato aŭ de iu esperantista societo ne estas akordigebla kun la eco de fondinto, direktanto aŭ propagandanto de tia neregula movado.

Pro tio la Konferenco esprimas la deziron ke S-ro de Saussure, ano de la Esperantista Akademio kaj liaj esperantistaj kunlaborantoj, aŭ ĉesigu sian propagandon por nova formo de lingvo internacia aŭ eksiĝu el ĉiuj oficialaj postenoj, kiujn ili tenas de la konfido de la Esperantistaro.

La Konferenco deziras:

Ke, en la estonto, la kandidatoj al la Lingva komitato sciu almenaŭ unu fremdan lingvon, de alia lingva familio ol sia propra, aŭ alimaniere estu pruvintaj sian lingvan kompetentecon.

La Konferenco esprimas la deziron:

Ke la redaktantoj de gazetoj kaj oficialaj eldonaĵoj, ne enkonduku la uzon de *io* anstataŭ *ujo*, sen oficiala decido de la Lingva komitato.

*Konstanta Komitato de la Kongresoj*

La Konferenco deziras:

1. Ke la konstanta komitato de la Kongresoj reorganiziĝu,

2. ke ĝi elektu novan kuratoron de la Kongresa kaso por anstataŭigi la bedaŭratan kolegon S-ron Mudie.

3. Ke la reprezentantoj de la Kongresoj estu:

La anoj por la deka Kongreso,

La anoj por la dekunua Kongreso,

La anoj por la projektata dekdua Kongreso.

*Rajtigitaj Delegitoj*

La Konferenco opinias:

Ke la organizo de la voĉdonado de la Rajtigitaj Delegitoj en la Universalaj Kongresoj montriĝis kiel la plej taŭga sistemo por ebligi al ĉiuj Esperantistoj ke ili esprimigu, almenaŭ unu fojon ĉiujare, sian opinion pri la ĝeneralaj komuninteresaj demandoj pri la progresado de Esperanto;

ke tiu organizo donas al niaj Universalaj Kongresoj specialan intereson kaj seriozan karakteron kiujn ili ne havus, se tiuj Rajtigitaj Delegitoj ne ekzistus;

ke fine la voĉdonado de la Rajtigitaj Delegitoj solene sankcias la decidojn kaj agadojn de la Oficialaj Institucioj de Esperanto.

Sekve la Konferenco deziras, ke la regularo pri la Rajtigitaj Delegitoj estu konservata kaj aplikata en la estonto.

*Estontaj Kongresoj*

La Konferenco opinias ke nepre necese estas organizi Kongreson en 1920;

esprimas siajn bedaŭrojn, ke la cirkonstancoj ne ebligas al la danaj samideanoj organizi tiun Kongreson kaj plezure aŭdas, ke verŝajne ili povos organizi Kongreson en 1921.

La Konferenco deziras, ke unu el la plej proksimaj kongresoj okazu en *Varsovio* por honori la memoron de D-ro Zamenhof.

*Esperantista Centro Oficejo*

La Konferenco opinias:

1. Ke la Esp. Centra Oficejo bezonas fortan financan helpon por ke ĝi daŭrigu sian regulan funkciadon, laŭ la deziroj oficiale esprimitaj de la Universalaj Kongresoj;

2. ke pro tio necese estas krei la Inter-

nacian Societon de Amikoj de Esperanto kun naciaj sekcioj aŭ filioj laŭ la plano jam montrita de la cirkulero de la 6.ª de Novembro de 1905, kaj kies ĉefa tasko estos starigi kapitalon aŭ konstantan monoferadon por la vivo de la Centra Oficejo;

3. ke tiu Societo de Amikoj de Esperanto tute ne konkurencos la propagandajn kaj aplikajn societojn, kies celoj estas tute aliaj.

*Oficialan Gazeto Esperantista*

La Konferenco doziras:

Ke la *Oficiala Gaceto* daŭrigu sian publikiĝon kaj estu subtenata per abono de ĉiuj societoj kaj grupoj.

*Insernacia Unuiĝo de Esp. Societoj*

Pri la Internacia Uuuiĝo de Esp. Societoj: la Konferenco opinias:

1. Ke laŭ la regularo de tiu Unuiĝo, ĉiu nacia asocio konservas sian plenan sendependecon;

2. ke, ĉar tiu Unuiĝo ĝis nun ne povis funkcii, pro militaj cirkonstancoj oni devas atendi por juĝi ĝin, ĝis la momento kiam sufiĉa spertado estos montrinta ĉu ĝi estas efektive efika kaj utila;

ke tiu atendo estas des pli dezirinda, ke la ekzisto de tia Unuiĝo ŝajnas speciale dezirinda en la nuna epoko, por starigi rilatojn inter la Esperantistaro kaj la diversaj internaciaj organismoj kiuj disvolviĝos, kiel ekzemple la kreita Societo de Nacioj.

*Ĝenerala propagando*

La Konferenco deziras:

Ke en ĉiu lando ekzistu nur unu oficiala propaganda centra societo kiu povos havi regionajn federaciojn.

La Konferenco aŭdis kun intereso ke oni intencas eldoni centran literaturan gazeton, kiu knnigos *Lingvo Internacian* kaj la *Revuon*.

La Konferenco deziras:

Ke por daŭrigi la programon, kiun sekvis D-ro Zamenhof, de la komenco, kiam li eldonis Adresaron de Esperantistoj, kiu ebligis al ĉiuj samideanoj facile interrilati unuj kun la aliaj, oni daŭrigu la eldonon de la *Tutmonda Jarlibro Esper.*, donante ne nur la adresojn de ĉiuj societoj kaj grupoj, sed ankaŭ la adreson de ĉiuj Esperantistoj kiuj tion akceptos.

*Rilatoj inter la Oficialaj Institucioj kaj la ceteraj organizaĵoj*

La Konferenco opinias:

Ke nebone estas starigi ĝeneralajn konstantajn kontraktojn inter la Oficialaj Institucioj de Esperanto kaj aliaj esperantistaj asocioj, sed ke, laŭ la cirkonstancoj, specialaj kontraktoj estu farataj por ke, en la diversaj agadoj de la esperantista vivo, ĉiuj organizaĵoj laboru en plena akordo kaj per unuigo de fortoj kaj por ŝparigo de tempo, mono kaj klopodoj.

*Salutoj kaj dankoj*

La Konferenco sendas al S-ro Generalo Sebert siajn simpatiajn sentojn kun la varma espero kaj deziro ke li baldaŭ resaniĝos kaj daŭrigos sian agadon por Esperanto.

La Konferenco kore dankas S-rojn Warden kaj Butler, kiuj venis de Britujo por partopreni en ĝiaj laboroj, kaj ĉiujn kunvokitajn samideanojn, kiuj ne povis ĉeesti, kaj kiuj sendis leterojn de bondeziroj kaj studotajn proponojn.

La Prezidantoj,

M. BOLLET DE L' ISLE.—J.-M. WARDEN

La Sekretario,

G. CHAVET

*El «Oficiala Gazeto Esp.»*

---

Ni sendas la revuon al ĉiuj Zamenhofanoj kaj ni rimarkigas, ke de la Centra Poŝtoficejo deiras perfekte pretigitaj ĉiuj specimenoj; certe la ricevantaj poŝtoficejoj estas kaŭzo por perdo.

# Esperanta Movado Enlanda

*Barcelono.*—Prezidantoj kaj delegitoj de diversaj grupoj esp. de ĉi tiu urbo, kunvenis en la sidejo de «Paco kaj Amo» la 31.an de Decenbro ĵus pasinta, kaj aprobis la planojn ĝeneralajn pri la unua Kongreso de Iberiaj Esp. okazonta je la tria deko de junio proksima, en Barcelono, por starigi la Iberian Konfederacion Esp. kaj ke ĉi tiu entreprenu la laborojn determinantajn Internacian Konsenton, kiu proklamos Esperanton HELPA LINGVO KAPABLA kaj SOLA por komercaj kaj socialaj rilatoj inter ĉiuj popoloj.

La grupo «Fajro» ricevis la task on eklaboradi pri ĉi tio kaj sekve tuj ĝi entreprenis ĝin entuziasme kaj aktive.

En ĉi tiu kunveno mem oni nomis ankaŭ komisiitaron, kiu redaktos raporton kaj faciligos informojn al la Prezidanto de la «Mancomunidad Catalana», por ke ĉi tiu Institucio starigu katedrojn pri Esperanto.

Ĉe la lasta kunveno de prezidantoj kaj delegitoj de grupoj okazinta en la loĝejo de «La Rondo», la okan de ĉi tiu monato, la Delegitaro de «Fajro» sciigis la laborojn faritajn; legis la cirkuleron por la Kongreso de Iberiaj Esp., kaj per ĝi la organizantoj sin turnos al la gravaj urbestraroj, Institucioj kaj eminentuloj la Katalunlando, petante ilian helpon moralan kaj materian. Unuanime aprobis la cirkuleron.

Ankaŭ S-roj Anglada, Prior, k. c. prezentis la raporton informantan, kiun oni donos al la prezidanto de l' Mancomunidad. Ĝi estas rimarkinda dokumento statistika pri la forta vivo kaj utileco de Esperanto de lastaj jaroj nuntempen. Tiu dokumento atestas pri revuoj specialaj kaj ĝeneralaj, pri rimarkindaj eldonitaĵoj pri libroj, pri tradukaĵoj, k. c., k. c. Oni decidis doni kopion al ĉiu grupo kaj peti tagon kaj horon al la prezidanto de la «Mancomunidad» por solene doni al li la dokumenton.

Oni decidis prokrasti malfermon de novaj kursoj ĝis la 1.a de Februaro, kaj komenci tuj vizitojn al Muzeoj, ekskursojn, kaj sciencajn, kaj beletristikajn konferencojn, kaj organizi gravan akton propagandan. Oni fiksis ankaŭ baldaŭan kunvenon.

«Nova Sento» neniam laciĝebla kaj daŭriganta siajn taskojn, la 14:an de pasinta monato organizis belan feston artan, vizitita de pli ol 300 personoj al kiuj estis disdonitaj broŝuretoj kaj aliaj propagandaĵoj. Ĝi estis vera sukceso ĉar havis lokon ĉe la plej grava societo en la kvartalo.

Ni komencis... kaj senlace ni daŭrigos.

Post sciiĝo de l' aprobo kaj acepto de Esperanto de la Konfederacio de l' Laboro ĵusokazinta en Madrilo ni je ĉiumomento ricevas aliĝojn kaj lerndezirojn je plej proksima komencota kurso, kio aŭguras al ni estimindan multnombriĝon de nia Grupo el 60 anoj, nur anoj bedaŭrinde, kaj sekve ankaŭ de esperantanaro.

Lastaj triumfoj de Esperanto estas: remalfermo de esp. kursoj en la Universitato, en la Industria Universitato, en la «Ateneo Enciclopédico Popular» kaj en la «Agrupación Feminista *La Mujer del Porvenir*».

*Tarrasa.*—La Ĥora Societo «Juventud Tarrasense» entreprenis gravan laŭdindan iniciativon, kiun devos imiti aliaj societoj: ĝi dankema je S-ro Chaler pro lia nelaciĝebla laboro por kaj pro Esperanto, klarigante senĉese kursojn en tiu societo, aranĝante ekskursojn, ludojn, k. c., malfermis monkolekton por ke li ĉeestu la XIIan kaj reprezentu dum la Kongreso la Societon. Se ĉiuj aŭ la plimulto el la societoj kaj grupoj farus same, Hispanujo gravege estus reprezentota en La Hago: Imitu «Juventud Tarrasense»

*Baracaldo.*—La ĉi tiea grupo nomis la jenan komitaton: Prez. S-ro Patricio Llano, Vicprez. S-ro Alejandro Vazquez, Trezor. S-ro Paulino García, Sekr. S-ro Epifanio Ozaeta, Voĉdonantoj F-ino Asunción Sánchez, S-ro José M.a Pérez kaj S-ro Luciano Martínez.



## RIMARKIGO

Ĵus translokiĝis la presejo de ĉi tiu revuo; la nova adreso estas, strato SAN LUCAS, n-ro. 5, Madrid; ĉiuj devas atenti pri la anonco «Zamenhofa Federacio» por rilatoj kun ĉi tiu Federacio kaj ĝia oficiala organo.





## ZAMENHOFA FEDERACIO

Celas unuigi Esperantistojn kaj progresigi Esperanton, kaj por ĉi tio eldonas oficialan organon,

# Hispana Esperantisto

ILUSTRITA REVUO MONATA

kiun ricevos senpage *Protektantaj Zamenhofanoj* kaj *Protektantoj*, kiel esperantaĵojn aliajn laŭ eble. Por efektivigi la celon, Hispanaj Protektantaj Zamenhofanoj pagas *kvar pesetojn*, jare; fremdaj Protektantaj Zamenhofanoj, *du spesmilojn* jare. *Protektantoj* estas Esperantistoj hispanaj aŭ fremdaj, kiuj, pro cirkonstancoj, ne volas akcepti la nomon *Zamenhofano*, kaj pagas: la hispanaj, *kvin pesetojn;* la fremdaj, *du Sm.* 400 s. Sendu kotizaĵojn poŝtmandate aŭ respondkupone.

Estas kolektoj de la jaroj 1917 kaj 1918.

Sendu la kotizaĵojn, originalojn, revuojn, kaj ĉion pri Esperanto al *S-ro Julio Mangada Rosenörn, Komandanto de la Infanteria Regimento «Galicia» 19, Jaca (Huesca) Hispanujo.*

Tip. Calle de San Lucas, 5.—Madrid

# ANONCFAKO

Senpaga por la membroj de Zamenhofa Federacio kaj ĝiaj protektantoj

La lernantoj de unugrada kurso esperanta ĉe «Aplec Esperanta Grupo» (Via Masague, 55. *Sabadell*. Hispanujo) akceptas korespondadi kun ekster-kaj enlandaj gesamideanoj per leteroj kaj ilustritaj poŝtkartoj.

---

Jako Claramunt. Mariano Aguiló, 67, Barcelono (Hispanujo).—Deziras korespondadi kun fremduloj por siaj lernantoj. Nepre kaj tuj respondas.

---

S-ro Roberto Maraury, Delegito de U.E.A. Santo Domingo, 8, *Huesca* (Hisp.).—Deziras interŝanĝadi ĉiajn revuojn anglajn (artaj, komercaj, ilustritaj, teĥnikaj) kontraŭ hispanaj. Ĉiam tuj respondas.

---

F-ino María Luisa G. Caamaño. Instruistino. Santo Domingo, 8, *Huesca* (Hisp.).—Deziras korespondadi kun alilandaj geinstruistoj esperantistaj pri pedagogiaj procedoj.

---

S-ro Johano Serra, strato Cervantes, 8. *Tarrasa* (Hispanujo).—Deziras interŝanĝi leterojn aŭ poŝtkartojn kun geesperantistoj el ĉiuj landoj.

S-ro Sidonio Pintado, en Baltanas (Provinco Palencia). Hispanujo. Deziras korespondadi kun geinstruistoj pri pedagogiaj procedoj kaj lerneja movado, tial ke li, kiel redaktoro de grava ĵurnalo, raportos pri tiuj aferoj. Nepre kaj tuj respondos.

---

Filatelistoj! Jesús Ramírez, strato Cabestreros, 10 kaj 12, Madrid (Hispanujo), tuj sendos 50-100 p. m. de Hispanujo, Portugalujo kaj kolonioj iliaj al filatelisto sendinta saman kvanton da p. m. de militintaj landoj, de Afriko, Azio kaj Oceanio.

---

S-ro José E. Pedraz el *Santander* (Hispanujo) strato Rua Menor, 32, deziras interŝanĝi pk., pm., esperantajn gazetojn kaj esperantaĵojn.

---

Isidoro Díaz el *Tocina* (Sevilla-Hispanujo) deziras interŝanĝi i. p. k. kun fremduloj.

---

Antonio Marmol el *Villanueva de las Minas* (Sevilla - Hispanujo), deziras korespondadi p. k. i. kun ĉiulandaj gesamideanoj.